2a JARO SEPTEMBRO-OKTOBRO 1910 11a-12a NUMERO(23-24)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 45, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# INFORMO

La jena numero estas la lasta de la dua jarkolekto.

La redakcio de B. E. petas la grupojn kaj la apartajn legantojn ke ili bonvolu plej baldaŭ prizorgi la renovigon de la abonoj.

Tiu konsilo estas precipe donata al la eksterlandaj abonantoj ; ili estas petataj sendi al la kasisto de B. E., S ro O. Van Schoor, Vondelstraat, 20 (rue Vondel), sian abonprezon (Fr. 5.= Sm. 2) ĉeke aŭ poŝtmandate.

---

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

La proksima kunveno de la komitato de la B. L. E. okazos en Bruselo, Dimanĉon la 20an de novembro 1910, je la 10a matene (tre akurate), en la *Hôtel du Moulin d'Or, 30, rue d'Assaut.*

— La komitatanoj, kiuj deziras diskutigi temojn aŭ fari proponojn, bonvolu sciigi la subskribinton pri tio ; la tagordo estos definitive fiksata la 7an de novembro.

— La delegitoj de la grupoj estas petataj konigi dum la kunveno la nombron de la anoj de sia societo por ke oni povu difini ĝian kotizaĵon por la jaro 1910-1911, laŭ art. 6 de la regularo.

— Post la kunsido okazos komuna tagmanĝo en la hotelo.

La Prezidanto de la B. L. E.,
VAN DER BIEST-ANDELHOF.




En la lasta numero de « Belga Esperantisto » ni invitis la esperantistojn multnombre ĉeesti la VIIan kongreson kaj de nun sin enskribigi kaj pagi sian kongresan karton.

Ĝis nun 112 samideanoj jam respondis al nia alvoko. Aliflanke oni rimarkigis al ni ke la SEPO eklaboris tro frue kaj antaŭtempe postulas aliĝi. Aliaj deziras sciiĝi, kion la kongresanoj ĝuos por sia kotizaĵo.

Nia respondo :

La laboro de la SEPO estas tre ampleksa, kaj por realigi kelkajn punktojn de la programo bezonis, ke niaj agadoj komencu de la 1a de junio.

Cetere, nia grava morala kaj financa respondeco necesigas ke ni kiel eble plej baldaŭ povu ekscii, kiom da enspezoj ni povas proksimume disponi. La materia organizado de la kongreso dependas nepre de niaj monrimedoj ; tial estas tute neeble al ni konigi de nun la detalojn de la programo.

Samideanoj, vi ege faciligos nian taskon kaj malpezigos nian respondecon, ne prokrastante alsendi vian aliĝon !

— La *Antverpena Grupo Esperantista* kaj *La Verda Stelo* (Antverpeno) enskribiĝis, kaj kotizis po 25 frankoj ĉiu. Jen laŭdinda kaj imitinda ekzemplo : ni esperas ke ĉiuj esperantistaj societoj ĝin sekvos.

— La subskribantoj bonvolu doni la jenajn sciigojn : *Nomo, antaŭnomo, profesio, urbo, strato, numero, provinco, lando.*

— Ni eldonas reklampoŝtmarkojn pri la kongreso ; specimeno




estas montrata ĉi flanke. Ili kostas, 100 ekzempleroj en unu koverto, 1 frankon = Sm. 0.4. Bonvolu ilin mendi, skribante al la sekretario - kasisto de la Sepo : 76 (anstataŭ 70). Minderbroedersrui, Antwerpen ; Canal des Récollets, Anvers.

— Elegante presitaj kaj bele ilustritiaj broŝuroj pri *Antverpeno kaj la VIIa kongreso* estas aĉeteblaj po 25 centimoj = 1 spesdeko. Sama adreso.

— En la novembra numero de « Belga Esperantisto » ni publikigos la unuan nomaron de la jam aliĝintaj kongresanoj, kune kun pli precizaj informoj pri niaj agadoj.

15 — X — 1910.

VAN DER BIEST-ANDELHOF, prezidanto ; O. VAN SCHOOR, vicprezidanto ; D-ro W. VAN DER BIEST, sekretario-kasisto ; MARIA POSENAER, Leŭtenanto FR. DUPONT, LOUIS RITSCHIE, FRANS SCHOOFS.

---

## La sesa internacia kongreso de Esperanto

*(Washington 14 — 21 de aŭgusto 1910)*

Samideano, vojaĝinta al Washington, promesis sendi al mi sufiĉe da notoj, por ebligi al mi verki raporton pri la kongreso.

Je la momento, kiam la jena numero estas kompostata, la promesitan tekston mi ne ankoraŭ ricevis.

Mi nur eksciis ke S-ro Gabriel Chavet faris pri Antverpeno tre sukcesintan paroladon kun lumbildoj, kiun D-ro Zamenhof kaj la tuta kongresanaro ĉeestis. Multaj Amerikanoj intencas partopreni en la Antverpena kongreso.

La « Sepo por la Sepa » disdonigis multajn ilustritajn broŝurojn pri la Skeldurbo.

Kelkaj esperantistaj revuoj jam enhavas la malferman paroladon de D-ro Zamenhof ; ĝi estos publikigata en la novembra numero de **Belga Esperantisto**.

AM.

---

## GRATULOJ

Plej sincerajn gratulojn ni prezentas al nia kara amiko kaj samlandano S-ro **Paul Blaise** (Loveno) kaj al la eminenta esperantistino F-ino **Margaret Lily Jones** (Liverpool), geedziĝintaj la 11an de junio kaj al niaj estimataj gesamideanoj S-ro **Joseph Marty** kaj F-ino **Yvonne Dousset**, geedziĝintaj en Parizo, la 21an de la sama monato.

B. E.

# ANTAŬEN, ESPERANTISTOJ!

Kore dediĉita al la Antverpena Grupo Esperantista

TEKSTO DE O. VAN SCHOOR — Laŭ malnova flandra melodio




Ne timigas nin barilo,
Homa rido nek mokad'
Kontraŭstaro, haltigilo :
Por tutmonda komprenilo
Estas sankta la movad'.

Unuigu nin frateco,
Homaramo, monda pac'!
En labo ro l'unueco
Nin kondukos al forteco,
De l' fervoro la donac'.

Nia grupo Antverpena
En la vicoj de l' movad'
Estu forta, vivoplena,
Senligila, senkatena,
En kreskado kaj florad' !

---

☞ Apartaj ekzempleroj estas aĉeteblaj en la « **Centra Esperantista Belga Oficejo** » 20, Vondelstraat, Antwerpen, (rue Vondel, Anvers). Prezo : 10 centimoj.

# La Tago de la Rozo

(24an de julio 1910)

Kiam, antaŭ kelkaj monatoj, niaj bonfaremaj samurbaninoj sinjorinoj A. H. Ficq kaj G. E. Van den Broeck, proponis al la Antverpena sekcio de la Ligo kontraŭ la Tuberklozo, ke, laŭ la ekzemplo de Holando kaj Svedujo, ĝi organizu « tagon de la Tuberklozo », tiam ili certe ne povis antaŭvidi kia tutlanda festo de lojalismo kaj bonfarado iĝos el ilia propono.

Reĝino, rozo, bonfarado, estis baldaŭ sinonimoj, kaj tra tuta Belgujo, en la plej grandaj urboj kaj la plej humilaj vilaĝoj, tiuj tri belaj vortoj laŭte resonis en la koroj.

Efektive, la iniciatoroj de la projekto estis petintaj nian karan, bonkoran Reĝinon bonvoli patroni tiun feston, kaj elekti floron kiun oni disvendos, por la profito de la ftizuloj, je ŝia venonta naskiĝa tago.

Kaj la Reĝino de l'Belgoj elektis la Reĝinon de l'Floroj: tutmodestan, rozkoloran rozeton inter du palverdaj folietoj. Kaj tuj, en la tuta lando, estis nur unu movo de entuziasmo. Centmiloj kaj centmiloj da floretoj estis baldaŭ konfekciitaj, kaj ĉiuloke oni sin preparis por brile festi tiun tagon de la Reĝino, tiun tagon de la Rozo, tiun tagon de la Bonfarado!

En Antverpeno, kie naskiĝis la projekto, estis vera deliro. La dimanĉon, 24an de julio, la tuta urbo estis riĉe flagornamita. Ĉiuj magazenoj, eĉ en la plej elcentraj kvartaloj, estis bele ornamitaj per rozoj, naturaj aŭ nenaturaj, kiuj ofte formis la nomon de la Reĝino aŭ ĉirkaŭis ŝian fotografajon.

De la oka matene arego da ĉarmaj vendistinoj, kun florŝarĝita korbeto, disiĝis tra la urbo, ebligante ĉiujn Antverpenanojn aldoni sian modestan aŭ malavaran obolon por la bela celo de tiu tago. Kvazaŭ sub la vergeto de feino la tuta urbo ekfloris; ĉe ĉiuj jaketoj, ĉe ĉiuj korsaĵoj montriĝis la modesta, sed kiel elokventa floreto.

Kaj ne nur la gajaj promenantoj en la stratoj povis partopreni en tiu ĝenerala elmontrado. Pro kortuŝa sento de delikateco, oni disdonis la rozetojn de la Reĝino en la malsanulejoj, kie ili aperigis rideton de ĝojo sur la vizaĝo de la malsanuloj. Eĉ en unu el la infanetejoj de la urbo, ĉiuj infanetoj estis florornamitaj. Ankaŭ la tramoficistoj portis rozeton en la butontruo.

Vespere la tuta urbo estis feste iluminita.

En la ĉirkaŭaĵo de Antverpeno ĉiuj komunumoj partoprenis la tagon de la Rozo. Diversaj vastaj kampobienoj kun belegaj parkoj estis enireblaj por la publiko, post la pago de malalta enirprezo por la sama celo bonfaranta.

En la Ekspozicio de Bruselo, tiu granda rendevuejo de fremduloj ĉiulandaj, oni ĝuis feliĉigan impreson, vidante tiun densan miksigitan popolamason, kiu, per unu sento de respekto al nia Reĝino, per unu kortuŝa movo de bonfaremo, senescepte sin ornamis per la floreto de la tago. Estis io konsola, pri kio ni Belgoj fieris.

Ĉu mi aldiros ke multaj el niaj fremdaj samideanoj, kunvenintaj en la ĉefurbo pro la Esperantista Semajno, ankaŭ nin honoris partoprenante en tiu bela nacia festotago ?

El multaj aliaj urboj kaj urbetoj ni eksciis ankaŭ detalojn pri la organizado de la festo.

En Ostendo, la kolonelo de la 3a infanteria regimento aĉetis la rozojn de la Reĝino por ĉiuj siaj soldatoj, kiuj fiere kaj ĝoje alpikis la floreton.

En Blankenbergo, krom la vendado de rozetoj, oni organizis konkurson pri florornamitaj fasadoj. Bela sekvantaro, en kiu partoprenis la lernejaj infanoj, plej ĉarme per rozoj ornamitaj, trairis la koketan banurbeton.

En Knocke-sur-Maro la bangastoj kunvenis ĉe granda balo kies enspezojn oni donis al la Ligo kontraŭ la Tuberklozo.

Apud Hasselt, ĉe la flugkampo de Kiewit, oni organizis bonfaradan flugfeston, ĉe kiu la kavaliro de Laminne estis rozornaminta sian flugmaŝinon.

Unuvorte, je tiu memorinda « tago de la Rozo », ĉiuj koroj en Belgujo sin turnis en kortuŝa unuiĝo al la amata virino, kies nomo por ĉiuj Belgoj signifas Bonfaradon, al nia kara Reĝino Elizabeto.

Longe ŝi vivu ! Longe floradu ŝia rozeto, tiu nobla simbolo de bonfaro ! MARIA POSENAER.

---

## LA AŬGSBURG'AJ KONGRESOJ

De la 28a de julio ĝis la 2a de aŭgusto okazis en Augsburg (Bavarujo) 4 esperantistaj kongresoj : tiuj de la Germana Esperantista Asocio (G. E. A.), de la Universala Esperantista Asocio (U. E. A.), de la Varietea Esperantista Ligo kaj tiu de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (T. E. K. A.).

La kongresmalfermoj, la publika parolado de S-ro Edm. Privat, ĉiuj laborkunsidoj, la specialaj kunvenoj kaj kelkaj festenoj okazis en la granda hotelo « DreiMohren », kies posedanto, S-ro Arras, estas fervora esperantisto kaj tute afable kaj senprofite lasis siajn plej belajn salonojn, grandajn kaj malgrandajn, je l'dispono de la kongresoj.

En la sama hotelo okazis ankaŭ tre interesa ekspozicio.

Ĉiuj kunsidoj de la Germana Esperantista Asocio estis prezidataj de S-ro D-ro Mybs. El la tre klara kaj bonega raporto de S-ro D-ro Kandt aperas, ke la G. E. A. enhavas nuntempe 176 aliĝintajn grupojn kun 4972 membroj.

La ĉefurbestro de Augsburg, S-ro Hofrat Wolfram ĉeestis la malferman kunsidon kaj estis ege aplaŭdata pro sia simpati-plena parolo.

Kiel sidejon de la kongreso de 1911 oni elektis la urbon Lübeck.

La trian tagon posttagmeze estis fermata la germana kongreso kaj du horojn poste komencis tiu de U. E. A. Ĝi havis partoprenantojn el 14 landoj (por Belgujo nia bona amiko kaj vigla kunbatalanto S ro Van de Stadt, el Antverpeno kaj S-ro A. Mathieux, el Bruselo) ; inter ili estis ankaŭ ĉeka familio kun 7jara knabo, kiu, nesciante la germanan lingvon, flue parolis Esperanton kun la kongresanoj.

La ĉefurbestro denove estis veninta por afable alsaluti la membrojn de la kongreso, kiun plej lerte prezidis S-ron Mudie. 8 laborkunsidoj estis necesaj por la 27 raportoj komunikitaj.

La T. E. K. A. 'n kunvenon prezidis S-ro D-ro H. Dor, el Lyon. Oni tie detale pritraktis la gravan demandon rilate al la verkado de internacia medicina vortaro. Post fermo de la kongreso, la partoprenintoj faris rondvojaĝon al diversaj bavaraj kaj bohemaj banlokoj.

Pri la Varietea Ligo estas sciinde, ke post unu jaro da ekzistado ĝi kunigas jam pli ol 250 membrojn.

Ne forgesebla por ĉiuj aŭskultintoj estas la publika parolado de S-ro Edmond Privat, kiu pritraktis kun sia konata elokventeco la temon « Esperantismo kaj la vivo de la lingvo ».

Ankaŭ la publika parolado de S-ro Prof. Lederer bonege sukcesis. Li pliklarigis siajn sciigojn pri « Vojaĝo en la Orlandon Klondyke » per 100 belegaj lumbildoj.

Sekvis la amuza porto de l' kongreso : koncerto, balo, ĝardenfestoj en la « Schiessgraben » kaj ekskursoj al la « Kobel » ; surmonta ĝardena restoracio, kaj al Füssen, por viziti la famajn reĝajn kastelojn.

Multe da partoprenintoj, post fermo de la Aŭgsburg'aj kongresoj, kuniĝis por postkongreso en München.

Propaganda vespero estis organizata en la « Paulanerbräu », kie parolis — en Esperanton — anoj de 11 diversaj nacioj ; la paroladoj tuj estis tradukataj en Esperanton. Kiel reprezentanto de la germanaj samideanoj parolis S-ro ekskapitano L. E. Meier. Li klarigis, ke li estas la plej malnova esperantisto, ĉar li jam lernis Esperanton du jarojn post ĝia apero. Ĉiujn statojn de la esperanta evolucio li travivis, kaj nun, laŭ siaj spertoj, li havas la firman konvinkiĝon, ke Esperanto venkos. La pa-

rolado de S-ro Meier estis vive aplaŭdata (*), same kiel tiu de la aliaj parolintoj. Sekve de tiu ĉi propaganda vespero, multaj personoj enskribiĝis por esperantaj kursoj.

Sabaton, la 6an de aŭgusto, multaj esperantistoj ĉeestis la « Esperanto tagon » en la « Ekspozicio de Mahometa Arto », kie ankaŭ troviĝis Esperanto Informejo.

La kunvenoj de Augsburg kaj de München sendube plej efike kunhelpos al la sukceso de la esperantista propagando en Bavarujo kaj en la tuta suda Germanujo.

Laŭ la artikoloj de S-roj PROF. CHRISTALLER kaj D-RO M. KANDT en la aŭg.-septembra numero de « Germana Eperantisto ».

(*) Oni bonvolu legi la malfermitan leteron de S-ro Meier ĉi sube.

## Letero de S-ro kapitano Meier

*München, 12an de julio 1910.*

ALTESTIMATA SINJORO,

Per tio ĉi mi permesas al mi sciigi vin, ke mi nun definitive forlasis « Ido'n » kaj ree aniĝis al « Esperanto », ĉar miaj dujaraj spertoj firme konvinkis min, ke Ido, pro siaj senĉesaj reformoj, aliigoj kaj plibonigoj, proponitaj de ĉiuspecaj personoj, neniam fariĝos finita, certa kaj praktika lingvo Due, laŭ la intencoj de la estroj de la propagando de Ido, tiu ĉi idiomo fariĝos lingvo taŭga nur por instruitaj homoj, sed ne ankaŭ por simplaj personoj, kiuj absolvis nur elementan lernejon ; laŭ mia opinio « mondlingvo » devas taŭgi por ĉiuj homoj, verkistoj kaj laboristoj, k. t. p., sed ne nur por instruituloj. Trie, nur tia lingvo internacia fine venkos, kiu altiris la plej grandan anaron, kaj Ido neniam povos superesti tiurilate Esperanton !

Kun samideana saluto !

L. E. MEIER,
Hauptmann a. D.,
*Rumfordstr. 25, München V.*

## LA KVARA BULGARA KONGRESO

**(Sofia, 6/19 — 8/21 de aŭgusto)**

Tiu kongreso, kiu kunigis pli ol 250 partoprenantoj bulgaraj kaj rumanaj (ankaŭ 1 Germano kaj 1 Turko), plene sukcesis.

De la 5/18a multe da samideanoj estis jam alvenintaj. Elokventaj bonvenaj salutoj estis esprimataj je l'nomo de la bulgaraj esperantistoj de S-ro kapitano Silvestrief, prezidanto de la Bulgara Ligo Esperantista, kaj de S-ro Iv. Krestanof ; je l'nomo de la rumanaj esperantistoj parolis S-ro D-ro Robin.

La kongreson malfermis S-ro A. Protiĉ, delegito de la ministro de la Publika Instruado. Kiel prezidanton oni elektis S ron G. Antarĝiev.

En la tre interesa diskutado partoprenis S-ro Zlatarev, por la ĉefurba komerca-industria ĉambro ; S-ro Miluto (Rumano), je l'nomo de la rumanaj tipografiistoj ; S-roj D-ro Robin, Matesku kaj Pimuŝ. S-ro Iv. Krestanof estis tre aplaŭdata pro sia bela originala versaĵo « Bonvenon, kongresanoj ! »

Oni telegrafe salutis D-ron Zamenhof kaj la Gereĝojn de Bulgarujo kaj Rumanujo.

En sekvanta kunsido paroladis S-ro Th. Kaneff, pri la esperantista idealo kaj la reformoj ; S-ro Nemcov pri la ĉiam kreskanta progresado de Esperanto kaj S-ro Iv. Krestanof, pri la literaturoj kaj Esperanto. La oratoro montris ke Esperanto estas la plej efika diskonigilo de la malmulte konataj balkanaj literaturoj kaj proponis starigi balkanan literaturan esperantistan rondon, inter rumanaj, serbaj, turkaj, grekaj kaj bulgaraj samideanoj.

La organizintoj de la kongreso ne estis forgesintaj agrabligi la restadon de la esperantistoj en Sofia. Tiuj ĉi ĝoje kaj entuziasme kunvenis en la « Borisa ĝardeno », en la ĝardenbierejo de Proŝek ; ili ĉeestis vesperan feston en la oficira klubo, vizitis la vidindaĵojn de la ĉefurbo, i. a. la reĝan palacon kaj faris plej agrablan ekskurson al la koketa Knajevon, banurbo proksime de Sofia.

Resume : La IVa bulgara kongreso donis grandan antaŭenpuŝon al la esperantista ideo en Bulgarujo kaj certe havos grandan influon sur nian movadon en la najbaraj balkanaj landoj !

J. H. K.

---

# HUMORAĴOJ

## Ruzo

Ian tagon oni forŝtelis la tutan arĝentan manĝilaron de iu nobelulo. Tial ke ne estis eble al li trovi la ŝteliston, li kunigis ĉiujn el siaj servistoj, kiuj iel estis al li suspektaj. Inter vi — li diris — estas sendube la ŝtelinto, kaj mi tuj ekkonos lin. Li ordonis, ke ĉiuj grupiĝu ĉirkaŭ la tablon kiu troviĝis en la mezo de la ĉambro ; li murmuris ĉiuspecajn ne komprenеblajn vortojn, faris multajn strangajn gestojn kaj ordonis, ke ili levu ĉu unu, ĉu ambaŭ brakojn, ke ili staru sub unu kruro, kaj ke ili sin klinu. Kiam fine li kredis, ke ĉies atenteco estas direktita al sia komando, li subite ordonis : Metu la kapon sub la tablon ! Kiam tio estis farita, li rapide

demandis : Cu ĉiuj metis sian kapon sub la tablon ! Jes, Via Grafa Moŝto ! ĉiuj ekkriis. — La ŝtelinto ankaŭ? — Jes, Via Moŝto, respondis la kuiristo.

GASKONO KAJ MARSEJLANO

G. — En mia vilaĝo estas agrable por fiŝkapti ! Ĉiufoje, kiam oni eljetas la hokfadenon, oni kaptas fiŝon !

M. — Ho ! en Marsejlo estas multe pli mirinde ! Tie ne estas akvo, ekzistas nur fiŝoj !

LA KALKULANTA LERNOKNABO

Lernoknabo de ŝufaristo, anstataŭ ol labori, estis revema kaj kalkulis per siaj fingroj. La mastro tion observis kaj demandis :

— Kion vi do kalkulas ?

La bubo diris : Mi kalkulas, kiom da malafablaj virinoj loĝas en nia strato.

— Kaj kiom estas da ili ?

— Sep, mastro, inkluzive de la mastrino.

— Sentaŭgulo ! ekkriis la ŝuisto, prenis sian rimenon kaj batis la bubon. Diru vi nun denove, kiom da malafablaj virinoj loĝas en la strato !

La knabo blekegis kaj respondis :

— Ses, mastro, sen la mastrino !

---

## SOLVOJ DE LA PROBLEMOJ

**Novembro 1909.** — 1. *Metagramo.* Nesto, festo, pesto, kesto, besto, vesto, gesto. — 2. *Divenaĵo.* La litero G. — 3. *Ŝarado.* Ni-kelo.

**Decembro.** — 1. A-muzo, l-igi, t-iu, o-blato, n-ek, d-eliri, i-al, t-ero, a-melo, ŝ-amo, a-signi, f ido, i-do, n-ia, o-fero, D-rapo, i-rado, o-maro, m-arto, e-bono, z-inko, u-nu, r-ulo, a-bono, s-abato, l ino, a velo, v-arbo, e leganta, n-ombro, t-ordo, o-leo, n-aŭ. *Al tondita ŝafino Dio mezuras la venton.* — 2. *Kunmiksaĵo.* Malfeliĉo ofte kunigas la homojn kaj feliĉo ofte disigas ilin (Ekzercaro, p. 18, § 31). — 3. *Enigmo.* La katino.

**Januaro 1910.** — 1. *Divenaĵo.* 1. Viro kun *unu* okulo (ne okulo*j*) vidas *du* pomojn sur arbo. Li forprenas *unu* pomon (ne pomo*jn*) de la arbo kaj li lasas pom*on* (ne pomo*jn*) sur ĝi. — 2. *Demando.* Por kovri sian kapon. — 3. *Metagramo.* Domo, homo, nomo, pomo, Romo.

**Februaro.** — 1. *Kvadrata divenaĵo.*

Belaj
oliva
numer **BONAN JARON**
aveno
neĝon

2. *Vortkvadrato.*

R a b a t
a b a t o
b a t o n
a t o n i
t o n i o

3. *Metagrama ĉeno.* horo, haro, halo, salo, sago, tago, lago, ligo, liro, miro, maro, jaro.

**Marto.** — 1. *Enigmo.* Eksterni. — 2. *Vortoj kreskantaj kaj malkreskantaj.* F, fo, for, fero, febro, bero, ero, ro, o. — 3. *Anagramoj. Oegnr* : greno, negro, regno ; *arak* : akra, arka, kara ; *otafr* : frato, trafo, forta.

**Aprilo.** — 1. *Logogrifo - Metagramo.* Avino, aveno, vino, veno. — 2. *Enpenetriĝintaj vortoj*, Malamo, medalo, demono, denaro, barono, barilo, bileto, fileto, fetiĉo. — 3. *Metagrama ĉeno.* Kato, kalo, balo, bano, sano, sono, kono, koko.

**Majo.** — 1. Ano + z = nazo ; romo + a = omaro ; karpo + m = krampo ; feston + e = festeno ; revo + n = nervo ; aveno + h = enhavo ; voli + o = olivo ; nigro + f = fingro. — 2. La vorto 1 2 3 4 5 6 7 8 9 estas *maljuneco.* — 3. Sub arbo mi vidas birdojn sur arbo.

**Aŭgusto.** — 1. *Logaritmo.* La vorto 1 2 3 4 5 6 7 8 9 0 estas *submarŝipo.* — 2. *Anagramo.* 5 + lupo = **v**ulpo ; 506 + ek = **e**duki ; 52 + regulo = **r**eligiulo ; 501 + teo = **d**ieto ; 50 + ago = **a**glo ; 55 + laso = **s**aluto ; 51 + reto = **t**oleri ; 6 + one = **e**nvio ; 51 + arbo = **l**abori, 2 + fero = **o**feri. **Verda Stelo.**

3. *Diabolo.*

e
t s
r i p
t i p e
e s p e r a n t o
a m i s
n i a
t s
o.

## Solvintoj de la Problemoj

Nombro de la solvotaj problemoj : 24.

Solvis :

20 probl. Koant (Antverpeno), — 17 ; Frato Vincent, Jemappes, Antaŭenano (BeyneHeusay), kaj F-ino Maria-Posenaer (Borgerhout), — 15 : Honoridino (Brugo), — 6. M. Bastoul (Dijono), — 3. M. Doué (Parizo), Adenjo (Seraing), A. Demonceau (Lieĝo), D.T. (Verviers), N. Moesgaard (Kjöge), L. E. Sepulvedra Cuada (Santiago), Floramantino (Brugo), — 2 : F-ino Eug. Peuse (Parizo,

Alex. Prins (Antverpeno), Rieniets (id.), Timemulino (Beyne-Heusay), — 1 : Magd. Tournay (Dampremy).

Premioj estos sendataj al la 5 unuaj solvintoj, kiuj solvis pli ol la duonon de la problemoj.

La gajnintoj, kiuj pseŭdonime respondis, estas petataj sin konigi kaj doni sian adreson al S-ro Frans Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Pte Ourse, Anvers).

Oni ŝanĝis la numeron de la domo de S-ro Schoofs : 45 anstataŭ 49.

## DIVERSAJ INFORMOJ

Deziras korespondi ;

F-ino M. Liebing, Leipzig - R (Germanujo). *Ŝi respondas ĉiam kaj kolektas poŝtmarkojn.*

S-ro Paul Jaine, 4, rue St Louis, Clermont-Ferrand (Puy de Dôme-France) ;

S-ro Victor Cochard, garage d'autos Froussart, ainé ; Route Nationale, Charleville (Ardennes-France) ;

S-ro G. Séguin, 81, rue de la République, St Denis (Seine-France) ;

S-ro L. Piveteau, Boulevard des Marchandises, La Roche-sur-Yon (Vendée-France) ;

F-ino Babin, 58, rue de Fontenay, Vincennes près Paris (France) ;

S-ro Poulailleau, route de Nantes, Point du Jour, La Roche-sur-Yon (Vendée-France) ;

S-ro Maurice Goudin, 18, rue de Bel-Air. Orléans (France) ;

S-ro Jules Jaquetin, 18, rue de l'Obélisque, Châlons s/Saône (Saône & Loire-France) ;

S-ro Alfred Grenouillet, Route de la Châtre, Châteauroux (Indre-France) ;

S-ro Decaen, 5, Villa Lonchamp, Paris (France) ;

S-ro H. Leroux, Campagne-lez-Hesdin (Pas de-Calais-France) ;

S-ino M. Germain, rue Letouze, Le Mans (Sarthe-France) ;

F ino Madeleine Bretin, rue Morinet, St Jean des Vignes (Saône & Loire-France) ;

S-ro H. Nublat, 34, rue de Lyon, Grand Groix (Loire-France) ;

S-ro Jules Tichholtzer. 23, rue Tramway (Belfort-France) ;

S-ro M. Gosset, rue des Digues, Le Cateau (Nord-France) ;

S-ro Louis Bernard, Bertheney lez-Tours (France) ;

S ro Gaston Lefebvre, 7, rue Monclair, Jemappes (Belgique) ;

S-ino Trichard, 113, Avenue du chemin de fer, Le Raincy (Seine et Oise, France) ;

Alfred Siebenschein, Centra Viena Esperantejo, Wien (Ostreich). XVII/1 *(kun Antverpenaj samideanoj)*;

S-ino Margarete Süssermann, Camelienstrasse, 13, II, Dresden *(kun junaj geesperantistoj en Antverpeno)*.

F-ino Anna Steudtner, Hauptstrasse, 66, Grossschönau (Sachsen-Deutschland), *(kun Antverpenaj esperantistoj)*.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la izolitajn samideanojn, ke ili sendu kiel eble plej akurate informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO.** — Tre vizitinda estas la esperantista « stando » en la ekspozicio de *Plivasta Antverpeno* (vidu la anoncon!), pri kiu parolis la lasta numero de B. E.

Ĝi kovras (4×8) m2 kaj enhavas grandan karton de Belglando, sur kiu grandaj kaj malgrandaj verdaj steloj vidigas kie ekzistas grupoj aŭ izolitaj esperantistoj, — statistikajn tabelojn pri la graveco kaj la disvastigado de Esperanto, — grandan kolekton da esperantistaj revuoj, — multnombrajn lernlibrojn kaj vortarojn, — verkojn pri literaturo kaj scienco, — muzikaĵojn, — librojn kaj revuojn por blinduloj (Braille-presitajn), — librojn kaj broŝurojn pri propagando, — ĉiuspecajn komercajn reklamilojn, — dokumentojn kaj memoraĵojn pri internaciaj kaj regionaj kongresoj, — gvidlibrojn kaj gvidfoliojn de urboj. Bela portreto de nia kara majstro ornamas tiun rimarkindan ekspozicion.

Preskaŭ ĉiuj esperantistaj presistoj afable donacis siajn eldonaĵojn. Danke estu citataj la firmoj Hachette & Cie (Parizo), Möller & Borel (Berlino), Heckner's Verlag (Wolfenbüttel), Librairie de l'Esperanto kaj Esperantista Presa Societo (Parizo), A. J. Witterijck (Brugo), British Esperanto Asociation (Londono). Reklamilojn sendis plie la firmoj Thomas Cook and Sons, Burrough Welcome and Co kaj Stephens. La urbestraro afable pruntedonis dek belajn tapiŝojn; la libroj por blinduloj estas donacitaj de la Reĝa Instituto de Blinduloj (Woluwe Bruselo) kaj la karto de la konata Antverpena libristo S-ro Gabriel de Vreese.

La ekspozicio de *Plivasta Antverpeno* restos malfermata ĝis la fino de Oktobro.

— La urba administracio afiŝigis antaŭ nelonge, ĉe ĉiuj oficialaj institutoj de instruado, la liston de siaj lernejoj kaj de la specialaj kursoj, organizitaj aŭ finance subtenataj de ĝi. Inter tiuj lastaj estas ankaŭ citataj tiuj de Esperanto, starigitaj de la societoj *Antverpena Grupo Esperantista, Verda Stelo* kaj *Suda Lumo*.

— La 5an de Septembro nia fervora samideano, S-ro Frans Schoofs, faris paroladon en la Liberpensula societo « de Solidairen », kies sidejo estas strato Van Straelen, n-ro 6. La aŭdantaro estis tre multnombra, kaj la parolado de nia propagandisto tiel konvinka, ke tuj fondiĝis esperantista grupo kiu alprenis la nomon « Frateco », kaj kiun aliĝis tridekon da personoj. La grupo organizis kurson, faratan de la esperanta profesoro S-ro Jan Jacobs.

— La komedio « Amours Espérantistes » de nia kunlaboranto S-ro D-ro W. Van der Biest, estos baldaŭ prezentata en Parizo kaj en Seraing; en Barcelono (kataluna traduko de S-ro Gili), kaj en Sliema-Malta (itala traduko de S-ro Agostino Levanzin).

— **Verda Stelo, Antverpeno.** Ĉiujara ĝenerala kunveno, la 19an de oktobro je la 8 1/2a, en la kafejo « Zomerhof », 32 Dageraadplaats (Place de l'Aurore). Tagordo: 1. Raporto pri la la lasta kunveno. — 2. — Novaj kursoj. — 3. Nova sezona propagando. — 4. 7a Kongreso Internacia. — 5. Diversaj informoj. — Oni ne sendos specialan kunvokilon. La jena avizo anstataŭas ĝin.

La Prezidanto,
FRANS SCHOOFS.

— Kurso de Esperanto estas malfermita en la *Société d'étude des phénomènes spirites*, strato Anselmo, 2.

**BOOM.** — Je dimanĉo, la 7an de aŭgusto, le Boom' a Grupo Esperantista faris ekskurson al S-ta Mariaburg, ĉarma vilaĝeto, je dek kilometroj norde de Antverpeno, kaj tie ricevis tre agrablan akcepton de la prezidanto, S-ro Willem en, kiu, kun kelkaj membroj de la loka grupo « La Verda Flago », plej afable gvidis la Boom' ajn esperantistojn dum ilia vizito al la Mariaburgaj vindindaĵoj.

Je la 1a h. Mariaburganoj kaj Boomanoj ĝoje interfratiĝis dum festmanĝo, okazinta en la hotelo « Prince Albert », kie S-ro Van den Wijn-

gaert. direktoro de la potenca asekursocieto « Antverpia » rezervis al ĉiuj partoprenintoj tre afablan surprizon

Posttagmeze, la belaj melodioj el la « Gaja kantaro » resonis tra la belaj aleoj kaj densaj arbaroj de Mariaburg, la pentrinda ejo, vera oazo en Kempenlando, kie multe da Antverpenanoj, forkurintaj la bruan urbon, trovas ripozon, kvietecon kaj sanon.

**HUY.** — S-ro F. Naive, inĝeniero, 47, rue de la Motte, puklikigis cirkuleron rilate al maŝino kiun li elpensis.

La cirkulero estas dissendita al ĉiuj grupaj prezidantoj, laŭ la adresaro de 1908. S-ro Naive deziras ke tiuj, ne citataj en tiu jarlibro, sendu al li sian adreson.

La priparolita cirkulero estos sekvata de aliaj, ankaŭ tre interesaj.

S-ro Naive petas la samideanojn kiuj volas — senprofite — esperantigi franclingvajn tekstojn, ke ili bonvolu sin konigi al li.

**NAMUR.** — En la tiea « Ecole de Commerce » (30, rue Rogier) estas farata ĉiuvendrede, je la 8 1 vespere, kurso de Esperanto. La profesoro estas nia vigla amiko, S-ro Aug. Verbeken.

**S-taMARIABURG** — Dank' al la financa helpo de S ro J. Van de Stadt, kalkaj anoj de la « Verda flago » organizis la 22an de septembro tre sukcesintan koncerton, kie sin distingiĝis S-ino Joosen, kiu ludis perfekte belan uverturon por fortepiano, S-ro Ern. Van Langendonck, la talentplena flutludisto kaj la afabla kantistino S-ino Thiels, kiu sin aplaŭdigis pro siaj ĉarmaj esperantistoj kantoj. Ĝis tre malfrue la samideanoj restis kune, ĝoje interfratiĝante.

Joĉjo

---

## Het Esperanto in den Vreemde

**BULGARIË.** — De Hr. Iv. H. Krestanof, van Pirdop, heeft eene propagandareis gemaakt naar de steden van het schilderachtige *Sredna-Gora* (Middenwoud). Overal werd hij hartelijk door de bevolking ontvangen, en werden zijne voordrachten met veel belangstelling aanhoord.

**CHILI.** — Op 18 September vierde de Chileensche republiek den 100ⁿ verjaardag van haar bestaan. Te dier gelegenheid richtte de *Ĉila Esperantista Asocio* een landelijk congres in en eene tentoonstelling, met het doel den steeds toenemenden vooruitgang van het Esperanto aanschouwelijk voor te stellen.

**CUBA.** — In Cuba is onder den naam van *Cuba Esperantisto* een maandblad verschenen, grootendeels in het Spaansch opgesteld, onder het bestuur van den ijverigen pionier, den hr. Antonio Aleman Ruiz.

Het tijdschrift meldt dat op 1 December 1910 een esperantische tentoonstelling zal plaats hebben te Havanna, en doet eenen oproep, opdat men aan het inrichtend comiteit toezende allerlei esperantische bladen, boeken, brochuren, postkaarten, catalogussen, enz. Adres : *Societo Kuba por la propagando de Esperanto, Apartado 1324, Habana, Cuba.*

**DUITSCHLAND.** — Het Augusti-Septembernummer van *Germana*

## L'Esperanto à l'Etranger

**BULGARIE.** — M. Iv. H. Krestanof, de Pirdop, a fait une excursion de propagande aux villes de la pittoresque *Sredna Gora* (Forêt centrale). Partout il a été cordialement reçu par les populations et ses conférences ont suscité le plus vif intérêt.

**CHILI.** — Le 18 septembre la république de Chili a fêté le 100$^{me}$ anniversaire de son existence. A cette occasion la *Ĉila Esperantisto Asocio* a organisé un congrès national ainsi qu' une exposition, qui a présenté, d'une manière intuitive, les progrès toujours croissants de l' Esperanto.

**CUBA.** Un journal mensuel, *Cuba Esperantisto*, vient de paraître à Cuba. Il est presque entièrement rédigé en espagnol; son directeur est le fervent pionnier M. Antonio Aleman Ruiz.

La revue annonce que le 1 décembre 1910 une exposition espérantiste s' ouvrira à La Havane; elle fait un appel à tous, pour qu'il soit envoyé au comité organisateur toutes sortes de journaux espérantistes, livres, brochures, cartes postales, catalogues, etc. Adresse : *Societo Kuba por la propagando de Esperanto, apartada 1324, Habana, Cuba.*

**ALLEMAGNE.** — Le numéro d'août-septembre de *Germana Esper-*

*Esperantisto* bevat een belangwekkend overzicht van artikelen over Esperanto die in de voornaamste bladen van het Rijk verschenen. Onder deze melden wij *Welt der Kaufmanns* (München) met *Esperanto und Kaufmann* door Dr Ernest Kliemke; — *Halbmonatschrift für Soziale Higiene und Medizin* (Berlijn) met *Internationalismus in der Medizin und Esperanto* van Dr H. Rosenberg; — *Deutsche Warte*, met een artikel van Mej. Martha Rabe over het vreemdenverkeer in Berlijn en een hoofdartikel, waarin de schrijver zegt, dat van de 200 ontwerpen eener wereldtaal, Esperanto het eenige is, hetwelk zegevierend het vraagstuk heeft opgelost.

Eveneens bevatten *Kasseler Anzeiger*, *Dokumente des Fortschrittes* en *Der Akademiker* (Halle) zeer gunstige artikelen voor onze beweging.

— *Ilustriertes Briefmarken Journal* van Aug. j. l. deelt mede, dat in de nieuwe uitgave der wereldbekende postzegelsalbums der Gebroeders Senf te Leipzig, de tekst zal gedrukt worden in het Duitsch, Fransch, Engelsch en **Esperanto**. De uitgevers hopen, dat deze nieuwigheid met vreugde door de esperantisten zal onthaald worden.

Ook *Der Sammler* (Trautenau) is zinnens regelmatig artikelen in Esperanto op te nemen.

**Berlijn.** — Onder de menigvuldige vreemdelingen, die de groepen dezer stad bezochten, verdient een bijzondere melding de hr Metaxas, Kaukasisch esperantist, die een maandenlange reis deed door Hongarië, Oostenrijk, Frankrijk, Engeland en Duitschland. Overal wist hij zich bij middel van Esperanto te behelpen, hoewel hij slechts zijn eigene taal spreekt en niemand hem in dit idioom verstaan kon. « Esperanto », zegde hij, « is niet alleen een uitmuntend *interkomprenilo*, maar tevens een waar *amikigilo* ».

**Dresden.** — Meldenswaard is de stichting eener groep van trambedienden, die den naam aangenomen hebben van *Grupo 15a tramvojo*. Het esperantisch leven is zeer druk in Dresden. Vele Dresdenaars zullen aan het Antwerpsch congres deelnemen, o. a. eene afvaardiging van 15 policieagenten.

**Potsdam.** — In deze bevallige stad had onlangs een welgelukt zomerfeest plaats, waar ongeveer 150 esperantisten elkander ontmoet hebben. In den voormiddag kwamen de deelnemers per stoomschip aan; daarna greep een gezellig middagmaal plaats en 's avonds een groote openbare vereeniging, bijgewoond door den tweeden burgemeester van Potsdam en veel aanzienlijke per-

*antisto* contient un aperçu très intéressant sur des articles à propos de l'Esperanto, parus dans les principaux journaux de l'Empire. Parmi ceux-ci nous mentionnons *Welt des Kaufmanns* (Munich) avec *Esperanto und Kaufmann*, par le Dr Ernst Kliemke ; — *Halbmonatschrift für soziale Higiene und Medicin* (Berlin) avec *Internationalismus in der Medizin und Esperanto* du Dr Rosenberg ; — *Deutsche Warte*, avec un article de Mlle Marthe Rabe sur le mouvement d'étrangers à Berlin ainsi qu'un article de fond, où il est dit que, de 200 projets d'une langue internationale, l'Esperanto est le seul qui ait triomphalement résolu la question.

De même *Kasseler Anzeiger*, *Dokumente des Fortschrittes* et *Der Akademiker* (Halle) contiennent des articles très favorables à notre cause.

— *Illustriertes Briefmarken Journal* d'août dr annonce, que dans la nouvelle édition des albums pour timbres-poste universellement connus de la firme Senf Frères à Leipzig, le texte sera imprimé en allemand, français, anglais et **Esperanto**. Les éditeurs espèrent que cette nouveauté sera accueillie avec joie par tous les espérantistes.

De même *Der Sammler* (Trautenau) se propose d'insérer régulièrement des articles en Esperanto.

**Berlin.** — Parmi les nombreux étrangers qui ont visité les groupes de cette ville, une mention spéciale est due à M. Metaxas, espérantiste caucasien, qui a fait un voyage de plusieurs mois à travers la Hongrie, l'Autriche, l'Angleterre et l'Allemagne. Partout il a pu s'aider au moyen de l'Esperanto ; il est à remarquer qu'il ne parle que sa propre langue et que personne ne pouvait le comprendre dans cet idiome. « L'Esperanto », dit-il, « n'est pas seulement un excellent *interkomprenilo*, mais c'est en même temps un vrai *amikigilo* ».

**Dresde.** — Il est digne de signaler la fondation d'un groupe d'employés des tramways, qui ont pris le nom de *Grupo 15a tramvojo*. La vie espérantiste est très intense à Dresde. Beaucoup de Dresdois participeront au congrès d'Anvers ; parmi eux une délégation de 15 agents de police.

**Potsdam.** — Dans le courant de l'été eut lieu en cette charmante ville une fête espérantiste bien réussie, à laquelle plus de 150 samideanoj ont pris part. Pendant la matinée ils arrivèrent par bateau à vapeur ; après quoi il se réunirent à un banquet. Le soir eut lieu une réunion publique de propagande, à laquelle assistèrent le second bourgmestre de Potsdam et beaucoup de personnes

